# KATOLIKA MONDO

ESPERANTO-ORGANO DE INTERNACIO KATOLIKA

8a Kolekto N° 2 — ALDONO : LA JUNA BATALANTO — FEBRUARO 1927



**Redaktejo kaj Administrejo : ELBERFELD (Germ.)**

KUNREDAKTOROJ : *Prof. CAROLFI, OFM. Italujo; Kaspar MAYR, Anglujo; Prelato A. DOMBROVSKI, Litovujo; Pastro MAKARA, Polujo; Prof. P. MUFFANG, Francujo; W. SOLZBACHER, Germanujo.*

Oni sendu manuskriptojn kaj pagojn nur al Elberfeld.






**Aperas Monate - Fondita 1921**

ABONO : *egalvaloro de 1,25 sv. fr. kvaronjare. Oni mendu ĉe la Ĉefadministracio aŭ ĉe la Postoficejo*

REKLAMO : *Po unucentimetra kolonero egalvaloro de 2,00 sv. fr.* - ANONCETOJ *po enpreso, (gis 15 vortoj) 0,75 sv. fr. (antaŭpage).*

POŜTĈEKAJ KONTOJ : *Budapest 59169. Bruxelles 185734. - Paris 80061. - Praha 77396. - Roma 1/2600. Warszawa 190972 - Köln 76105. - Wien 162473.*


# La granda tasko : franca-germana repaciĝo

De Prof. Pierre I. A. Muffang

Jen resumo de la parolado, kiun nia franca amiko kaj kunredaktoro faris en la Esperanto-tago de IKA en Elberfeld (30 jan.).

Oni povas diri, ke jam dum la milito la katolikoj preparis la vojon al repaciĝo, almenaŭ la veraj katolikoj, kiuj obeeme aŭdis la voĉon de la admirinda Papa Moŝto Benedikto Dekkvina, kaj gardis en iliaj koroj tion, kion Li instruis por la savo de la popoloj. Ekzemple, oni certe scias ke la militkaptitoj en multaj okazoj havis kun la loĝantoj rilatojn ne malamikajn. En Francujo oni ofte rimarkis la piecon de germanaj soldatoj en la preĝejoj. La favora impreso tiel donita al la katolika publiko havis tre certe bonan influon. En Germanujo, ĉe la tendaro de Münster-Rennbahn francaj seminarianoj povis daŭrigi sian religian studadon dank'al altkora profesoro de la Universitato de Münster, Sinjoro Pastro Schmidlin. En artikolo de la Bulteno Katolika internacia (Decembro 1926a) unu el la ĉeestintoj diras kion la katolikoj devas danki tiun homon, kies meriton bedaŭrinde ne ĉiuj rekonis. Oni scias ankaŭ, ke militkaptitoj en Germanujo organizis korespondadon kun germanoj katolikaj post la milito. Tia estas la deveno de du bultenoj, la unua estas « Le Trait-d'Union» (La unuigilo) kaj la dua «La Correspondance Catholique » (La Korespondado Katolika). Flanke de tiu franca bulteno estis la germanlingva «Katholische deutsch-französische Korrespondenz», sed oni povas bedaŭri ke unu ne estis la traduko de la alia, ĉar se oni ne scias ambaŭ lingvojn oni ne povas komplete kompreni la ideojn interŝanĝatajn. Kompreneble la eldono tre dezirinda de dulingva bulteno kostas multe, ne nur pro la presado, kiu postulas kompetentan presiston, sed ankaŭ ĉar la eldonisto devus pagi tradukistojn.

Eĉ dum la milito, neniam la rilatoj estis nepre rompitaj inter ĉiuj katolikoj germanaj kaj francaj. Katolikismo estas forto pli potenca ol militarismo.

Ho ve ! La milito daŭris longe, lerta propagando per la gazetaro kaj per la literaturo ŝutis venenon de malamo en la korojn. Eĉ katolikoj forgesantaj la kristanan karitaton, ne atentantaj la instruojn de nia Sankta Patro, kunlaboris je tiu mortigo de la animoj.

Tamen ni katolikoj francaj aŭ germanaj postulas pacon, ĉar ni scias, ke la paco estas utila por la savo eterna de la animo kaj ankaŭ por la savo materia de niaj landoj. Plie la paco de la tuta mondo dependas plejgrandparte de la paco inter Germanio kaj Francio. Mi opinias, ke ni ne rajtas konsideri la militon kiel neeviteblan malbonon, kiun ni devas antaŭeakcepti rezignacie. Kontraŭe ni havas la devon karitatan serĉi rimedojn por ĝin eviti, pro la malbonoj moralaj kaj materiaj, kiujn ĝi nepre kuntrenas.





*DU BILDOJ EL ELBERFELD : La supera prezentas la « Stadthalle », en kiu okazis la IKA-kunveno. La suba farita proksimume de Elberfeld. — Zoo, montras tri fervojojn : la ŝtata fervojo (sur la viadukto), la urba tramo kaj la famekonata pendfervojo, kiu ekzistas jam 25 jarojn senakcidente.*

Ĉu katolika ne signifas universala? Ĉu iu homo povas sin diri katolika, se li malamas homojn, nur ĉar tiuj homoj loĝas en alia lando, kiu militis al lia ? Ĉu ni katolikoj ne devas doni la bonan ekzemplon, pardonante al la malamikoj ?

Mi opinias, ke unu el la plej bonaj rimedoj estas la partopreno en la kongresoj de Internacio katolika. Ĉiujare dum kelkaj tagoj la kongreso de Internacio katolika unuigas katolikojn, precipe intelektulojn, pastrojn, profesorojn, ĵurnalistojn, studentojn, k. t. p. de ĉiuj landoj. La katolikoj francaj kaj germanaj povas facile krei interrilatojn dum la kongreso. Mi kredas ke la rolo de Internacio Katolika estas tre grava je tiu vidpunkto.

La lastan jaron okazis en Francujo en Le Hâvre kunveno katolika, tiel nomata «Semaine Sociale » (Semajno sociala). La temo estis « La vivo internacia ».

Pluraj germanoj ĉeestis tiujn gravajn kunvenojn, kaj novaj rilatoj estis kreataj inter francoj kaj germanoj. En la «Bulteno katolika internacia» jam priparolita unu el viaj samlandanoj skribis longan leteron, en kiu li memorigas sian impreson pri tiu internacia semajno, kiu multe plaĉis al li. Sed la korespondado inter ekskongresanoj ne sufiĉas. Al la katolikoj internaciemaj estas tre rekomendinda la legado de la «Bulteno Katolika Internacia», kies administranto estas ano de Internacio Katolika: Sinjoro Charles Gravey. Ĉiu leganto povas skribi al la administranto kiu korespondas en lingvo Esperanto. Kelkaj paĝoj de la bulteno estas rezervataj je korespondando.

Oni devas instigi precipe la junajn homojn, kiuj ankoraŭ studas, al la rilatoj per korespondado, ĉar ĝenerale ili havas pli multe da tempo libera ol tiu, kiu havas metion aŭ profesion. La pastroj, la profesoroj, la ĵurnalistoj povas fari

utilan propagandon apud la junuloj tiucele. Inter la junuloj hodiaŭaj estas la morgaŭaj direktontoj de la aferoj publikaj. Se ili havas hodiaŭ amikojn alilandajn, ili estos morgaŭ pacemaj. Konfido estos tiom pli granda, kiom pli malnova. Mondjunularo Katolika jam sukcesis krei rilatojn inter junuloj francaj kaj germanaj. Ĉiuj junuloj aŭ junulinoj devas aliĝi al Mondjunularo katolika, kaj fari viglan korespondadon internacian. Mi scias ke la poŝtaj prezoj estas nun tre grandaj, la junuloj, la studentoj, la intelektuloj ĝenerale estas devigataj ŝpari monon, tamen ili laŭeble faru oferojn por akceli la starigon de vera paco, ili havos certe rekompencon.

Ĉar mi parolas pri rilatoj inter junuloj, mi havas okazon diri kelkajn vortojn pri ekzisto en Paris de « Hejmo internacia de studentoj katolikaj ». Nur antaŭ kelkaj tagoj mi vizitis la Prezidanton de tiu Hejmo kaj la Gvidantan Pastron. Ili klarigis al mi la devenon de tiu hejmo en kvartalo, kie staras de kelkaj monatoj grandaj domoj, mi povas diri domegoj, por la studentoj, speciale por fremdaj studentoj. Mi demandis: « Ĉu vi akceptas en la hejmo studentojn de la landoj militintaj kontraŭ Franclando? — Jes, la hejmo estas malfermata al ĉiuj katolikaj studentoj. — Kaj denove mi demandis : « Ĉu jam germanaj studentoj vizitas la Hejmon ? — Jes, kelkaj venas regule, kaj iliaj kamaradoj francaj havas bonajn rilatojn kun ili. La estraro de la hejmo tute volonte deziras kunlabori je reamikiĝo inter francoj kaj germanoj. La Hejmo bone prosperas, kaj nun la kunvenejo estas tro malgranda. Oni intencas havi tutan domon por la hejmo, post kelka tempo, kiam estos konstruitaj ĉiuj domoj por la studentoj.

La rilatoj inter la studentoj ŝajnas al mi tre oportunaj por nia celo.

Ni devas multobligi la interŝanĝojn de junuloj aŭ junulinoj inter la familioj katolikaj. Dank' al Internacio katolika, dank'al ĝia organo « Katolika Mondo », dank'al la priparolita Hejmo en Paris, la efektivigo ŝajnas ebla.

Dum 1923 kelkaj amikoj de la «Correspondance Catholique franco-allemande» (Katholische deutsch - französische Korrespondenz) proponis, ke la unua dimanĉo de ĉiu monato estu dimanĉo internacia : la francoj oferu sian komuniiĝon por Germanujo, la germanoj por Francujo. La ligilo estas la Sankta Eŭkaristio. En la Eŭkaristia Kongreso en Amsterdam, la Kardinalo Ĉefepiskopo de Paris diris tiujn vortojn: « La kutimo de la Dimanĉo Internacia kunhelpos forte al unuiĝo tiel multe necesa de Germanujo kaj de Francujo ».

Kaj kiam ni preĝas por la paco, ni ne forgesu tiujn, kiuj ankoraŭ multaj, tre multaj inter la katolikoj, estas blindigitaj per nacia egoismo, kiu incitas ilin al malamo, al malobeemo al instruoj de l'Papos al kontraŭstaro al ĉiuj pacemaj klopodoj.

En Francujo organizaĵo, kiu ĉiam denove incitis malamon kontraŭ Germanujo kaj defendis la « integralan nacionalismon » estis la « Action Française ». Ĝi nun estas kondamnita de la episkopoj kaj de la Sankta Patro mem. La pasintan dimanĉon oni legis en ĉiuj preĝejoj la kondamnoleteron.

Per la kruco ni venkos la malamon, ni restarigos la pacon !

# La problemo de la misioj

Kiam la dekdu apostoloj eliris en la mondon, por prediki la Evangelion kaj gajni la mondon por Kristo, ili havis nur unu batalilon : la veron. Ĝi ne estis enordigita en profundan filozofian sistemon : Simplaj hebreaj fiŝkaptistoj inspiritaj per la Sankta Spirito estis portantoj de la Regno de Dio. Ili estis malriĉaj kaj malkleraj, kaj kontraŭ ili staris la tuta greka-roma kulturo : saĝa sistemo de filozofio, belega arto kaj literaturo. Sed la kristanismo venkis, sur la tronon de la greka-roma filozofio supreniris katolikaj teologoj, la formoj de la antikva kulturo kaj arto fariĝis servantoj de la granda vero kaj estis la materio por eklezia liturgio, por katedraloj kaj poeziaĵoj kristanaj. La klasika, t. e. greka-roma kulturo fariĝis kristana kulturo, *sed ĝi ne estas la kristanismo mem !*

La eŭropa, okcidenta kulturo ne estas la sola kulturo : Jam antaŭ miloj da jaroj ekĝermis en Hindujo praantikva saĝeco kaj en Ĥinujo admirinda nacia kulturo. La kulturo de la oriento, ĝia pensmaniero, filozofio, ĝia tradicio estas alia ol la okcidenta, sed ne malpli valora. *La orienta homo estas alia ol la okcidenta.* Nun la kristanismo venas en la orientajn landojn. Misiistoj portas ĝin, kaj ili esprimas la spiriton de la kristanismo en formo, kiu estas prenita el la eŭropa, t.e. origine el la greka-roma kulturo. Tio signifas grandegan malfacilaĵon ! Plej ofte la misiistoj eĉ opinias, ke ili devas propagandi la eŭropan «civilizon»; ili konstruas preĝejojn en eŭropa stilo, kaj kelkfoje eĉ postulas de la novkristanoj, ke ili imitu la eŭropanojn en vestoj kaj kutimoj. — Kaj homoj, kiuj sentas en si la tradicion de la jarmiloj, kiuj ( prave ) estas fieraj pri sia nacio kaj sia kulturo, malŝatas la kristanismon, eĉ malamas ĝin. Kaj tiuj estas la plej valovaj homoj. — Ni pripensu : Se ni subite rabas de popolo ĝian kulturon, ne respektante ĝian tradicion, ni puŝas ĝin en kaoson !

Ni imagu, ke la dekdu apostoloj irus en la orienton. Kion ili farus ? Kiel ili gajnus Hindujon kaj Ĥinujon por Kristo?

Unu el la plej gravaj iloj por eviti la malĝustan manieron de la misiado, estas la *indiĝena pastraro*. Kun ĝojo mi povas konstati, ke « Katolika Mondo » estis inter tiuj malmultaj gazetoj, kiuj ĉiam denove atentigis pri tiu eminentega problemo. Sed ĝi ne estas la sola.

En la lasta jaro okazis la kvara " Semajno de Misiologio ,, en Louvain (Belgujo), la temo estis " la problemo de la adaptiĝo,,. Mi volas skizi kelkajn ideojn tie esprimitajn.

Unu el la parolintoj, la redemptorista patro *Dufonteny* klarigis la plendojn de la indiĝenoj pri la misiistoj. Tiuj plendoj koncernas preskaŭ ĉiuj la mankon de adaptiĝo flanke de la misiistoj. Tro ofte ĉi tiuj restas eŭropanoj ; ili ne scias adapti sin, aŭ almenaŭ nur nesufiĉe, al la kutimoj de la homoj, inter kiuj ili vivas. Eĉ pasiginte multajn jarojn en la misiolandoj, malgraŭ ĉiuj siaj klopodoj kaj oferoj, ili restas ĉiam fremdaj. Ankoraŭ alia baro montriĝas : la natura instinkto de la landoj, kiujn oni iam malŝate nomis «necivilizitaj»; eksentante siajn rajtojn kaj sian forton, tiuj landoj malfacile toleras la fremdlandajn misiistojn, kies koro kaj simpatio ĉiam turniĝas al siaj eŭropaj landoj. El ĉi tio klariĝas la neceseco de indiĝenaj pastroj. Sed ankaŭ la laboro de la misiistoj ankoraŭ estas necesa ; ili devas adaptiĝi al la novaj kondiĉoj de la misiado. Ili devas fariĝi « ĉio al ĉiuj » laŭ la belega ekzemplo de Sankta Paŭlo, eviti ĉiun ŝajnon de nacia propapagando, por nur

# La Kavaliroj de Kolumbo en Ameriko

Je la mateno de la 16 januaro 1882 naŭ sinjoroj, ricevinte la sanktan komunion, serioze kaj silente suriris la ŝtuparon de la paroĥodomo ĉe la Preĝejo de Sankta Mario en Newhaven en la ŝtato Connecticut.

La paroĥestro Michael Mc. Gioney estis invitinta ilin al interparolado. Li klarigis al ili, ke estus eble necese kunigi la katolikajn virojn en la loko en unuiĝo por reciproka protekto kaj frata helpo. Li aludis la framasonojn kaj la helpon, kiun la loĝiofratoj donas unu al alia, kaj kiel ili per ilia ekskluziveco kaj ilia komerca rutino fariĝis vera potenco en la publika vivo. Ĉu oni ne povus uzi la bonajn kaj utilajn preferojn de la « framasona ordeno » por pli bona celo ? Ĉu oni ne kontraŭe devus fondi alian ordenon, kiu ja ne postulu ĵuron kaj estu konforma al la ekleziaj kaj ŝtataj leĝoj, sed kiu same gardu la unuiĝosekreton ?

Kiu tiam pensis, ke el la interparolado de la dek viroj en tiu januara mateno de la jaro 1882 estiĝos unu el la plej grandaj organizaĵoj de la Unuigitaj Ŝtatoj, eĉ de la tuta mondo? Kaj tamen estis tiel. Tio estis la unua paŝo al la fondo de la Ordeno de la Kavaliroj de Kolumbo («Knights of Columbus»), pri kiu oni ja malofte aŭdas, sed kiu ĉie, kie la katolikoj kaj la katolika afero de Usono estas reprezentotaj kaj protektotaj, potence efikigas sian vastan influon.

Nun la Ordeno havas 700000 membrojn en eble 2500 « konciloj » aŭ subgrupoj. Ĝi ne estas religia societo, sed laika unuiĝo de katolikoj, kiu tamen posedas multajn episkopajn kaj eĉ papajn laŭdojn.

La interparoladojn oni daŭrigis, kaj en tria konferenco oni elektis la nomon de la unuiĝo aŭ pli bone de la ordeno «Ordeno de la Kavaliroj de Kolumbo » (Knights of Columbus). Bone konsiderante, kiom da alloga intereso konsistas en ceremoniaro, oni ne hezitis akcepti diversajn eksteraĵojn de la framasonoj, i. a. la diversajn gradojn de la membreco, la solenan akcepton en la ordenon kaj la severan devon, neniam lasi veni la membroliston en nekompetentajn manojn. Sed la interna organizo apogiĝas sur severe katolikaj kaj patriotaj principoj, kaj oni rekomendegas al ĉiuj vere kristanan vivmanieron, precipe ĉiumonatan komunion. Jam en la unua sekvinta jaro la unuaj statutoj estas prezentitaj al la eparkia episkopo por aprobo, kaj samtempe la societo estas jure rekonita per la ŝtato. Cetere oni tute ne celis kiom eble plej multajn membrojn, sed ekstreme severe ekzamenis novaliĝantojn. En 1892 oni jam nombris en pli ol 80 urboj de du ŝtatoj unuiĝojn kun 6000 membroj. En 1904 ĉie ekzistis lokaj grupoj escepte de 4 ŝtatoj. La kelkfoje faritan proponon, ankaŭ disvastigi la ordenon en Eŭropo, oni ĉiam evitis.

La unua celo de la ordeno servis al la socialaj interesoj de la amerikanaj katolikoj. Unue oni grandioze organizis la vivasekuron. Guste en la tempo de la fondo grandaj asekuraj societoj estis pereintaj pro mallerta gvidado, kaj multaj katolikoj per tio suferis grandajn perdojn. Komence oni enkondukis en la ordenon la t. n. « postmortem leĝon », t. e. ĉe morto de membro ĉiuj aliaj devis pagi po unu dolaron al la parencoj de la mortinto. Tio okazis sen risko kaj estis tre alloga. Kiam la ordeno jam havis pli ol 1000 membrojn, oni enkasigis monatan kotizon. En 1901 la asekura instituto de la ordeno jam nombris 320.000 asekuritajn membrojn. Per ĉiama kresko kaj korekta lerta gvidado la asekura entrepreno de la ordeno fariĝis unu el la plej aŭtoritataj en Ameriko. La profito el la asekurokotizoj estis la fonto por la grandaj socialaj kaj karitaj institucioj de la ordeno.

La bonfaremo de la ordeno ĉe ĉiu katastrofo en la lando — incendoj, inundoj, akcidentoj en minoj ktp. — ludas grandan rolon, precipe en kaj post la Granda Milito. Ankaŭ al Eŭropo oni sendis donacojn. Oni zorgis por 30325 militinvalidoj kaj pagis en 468 malsanulejoj nutradon por ili. Speciale la ordeno finance zorgis por la amerikaj pastroj en la armeo.

Ankaŭ en la kampo de la lernejoj kaj de la popolklerigo la ordeno laboras. Por akceli la katolikan kulturan vivon de Usono, la ordeno fondis 1904 propran katedron por amerika historio en la katolika universitato de Washington kaj zorgis por ĝiaj pluaj kostoj. Por la vastaj amasoj de la popolo oni fondis en multaj lokoj vesperajn lernejojn. Aliaj lernejoj donas leteran instruon al izolaj lernemuloj. Ĉi tiuj kursoj donas laborkampon al granda nombro da fervoraj instruistoj kaj havas pli ol 8000 lernantojn. La vesperajn kursoj vizitis 313916 personoj. Oni instruas en ĉiuj fakoj : lingvoj, stenografio, maŝinskribado, historio, tekniko, komerca scienco.

zorgi por la bono de la lando, en kiun Dio ilin sendas.

*P. Charles S. J.* donis la ĝeneralan raporton pri la problemo de la adaptiĝo. Gravajn *praktikajn* ideojn donis la nederlanda jesuito *P. Ten Berge S.J.*, misiisto en Nederlanda Hindujo. Li kritikis tion, kion li nomis la «eŭropanismo de kelkaj misiistoj». Li apogis sian paroladon sur precizan ekzemplon : la arkitekturo en misiolandoj. Oni devas bedaŭri, li diris, ke la misiistoj kredas, ke ili devas konstrui ĉie la preĝejojn kaj aliajn religiajn konstruaĵojn en eŭropa stilo, neniel atentante la arkitekturon kaj la kutimojn indiĝenajn. Kial ne imiti la kristanojn de la unuaj jarcentoj, kiuj konstruis siajn preĝejojn laŭ la modelo de la idolanaj basilikoj? — Tiuj ideoj de P. Ten Berge trovis la plenan laŭdon de la Apostola Delegato por Hindujo. Cetere ili aplikiĝas ankaŭ en aliaj sferoj. En la Misiologia Semajno oni vidis interesajn religiajn bildojn en la maniero de la indiĝena arto el Java insulo.

Tiu adaptiĝo devas troviĝi ĉie. Tiel la misiistoj devas krei universitatojn por la superaj klasoj (Interesa ekzemplo estas la Katolika Universitato de Pekin, pri kiu mi eble baldaŭ verkos specialan raporton por K.M.); en la Kongo-regiono ili jam fondis lernejojn por ĉefidoj. La Blankaj Patroj kaj la Blankaj Fratinoj admirinde sukcesis enpenetri en la animon musulmanan. Jam ekzistas ekzemploj, espereble ili trovos multajn imitantojn.

Ankoraŭ aliaj ekzemploj ekzistas. Pri unu el ili rakontas la «Bulletin des Missions» sub la titolo «La budhistaj bonzoj fariĝas monaĥoj». La artikolo raportas pri kristano (ne katoliko, sed norvega luterano), kiu komencis la belegan taskon konduki la budhistajn kaj taoistajn bonzojn de Ĥinujo al Kristo. Li fariĝis ekstere tute budhisto kun la budhistoj, t. e. akceptis ilian kostumon, ilian konduto-kaj pensmanieron, forgesis ĉiujn eksterajn formojn, kiujn la okcidento estis doninta al li, kaj nur dediĉis sin al la tasko enigi la spiriton de Kristo en la formojn de la asketa vivo de la oriento...

Tiel kuŝas antaŭ ni la problemo meti la katolikismon en la kulturformojn de la oriento. Giganta tasko, simila al tiu, kiun havis la apostoloj kontraŭ la greka-roma kulturo. La laboro ne estos facila. Sed grandega kampo atendas, la rikolto estos riĉa. La mondon por Kristo !

Misiemulo.



Speciale la ordeno dediĉas sin al la junuledukado. Dufoje en la jaro okazas dektagaj kursoj por junulgvidantoj, kiujn kompreneble povas viziti ankaŭ nemembroj, eĉ protestantoj. En plej nova tempo la ordeno laŭ speciala deziro de la Sankta Patro ankaŭ fondis kelkajn junulunuiĝojn en Romo kaj konstruis modelajn ludoplacojn estas sekreta por la publiko. La granda centrejo estas ankoraŭ en Newhaven, sed ĉiu ŝtato havas subcentrejon. La gvidantoj estas laikoj, sed ĉiam havas pastran konsilanton apud si. La centrejo posedas unu el la plej grandaj presejo de la mondo. Tie estas presataj la unuiĝo-gazetoj, bonega familia gazeto kaj multaj aliaj bultenoj. La ĉeforgano « Columbia » aperas ĉiumonate en eldonnombro de 750.000, enhavante 58 paĝojn. Sole la ekspedkostoj estas 3300 dolaroj en la monato. Kompreneble la katolikoj de Ameriko estas tre fieraj pri sia belega ordeno de la « Knights of Columbus », kiu sendube montras modelan ekzemplon, kion la katolikoj povas atingi per unuigitaj fortoj, konstanta obstineco kaj lerta gvidado.

Julien Green (Washington),

# Eklezia Revuo

## MORTOJ

*Aŭstrujo :* 16 nov. mortis barono von Wittinghoff-Schell, unu el la fondintoj de la katolikaj organizaĵoj en Malsupera Aŭstrujo. 1893 la Katolika Kongreso en Linz petis lin prepari la fondon de katolika popola ĵurnalo ĉiutaga : la « Reichpost ».

*Belgujo :* 3 dec. mortis Gérard Cooreman, iama prezidanto de la parlamento, gvidanto de la Katolika Partio, eksministro por Industrio kaj Laboro, 74-jara.

*Francujo :* En Paris mortis 11 dec. Mgr. Maurice Landrieux, episkopo de Dijon, aŭtoro de multaj libroj, 70-jara.

*Hispanujo :* En Pamplona mortis 14 dec. Mgr. F.-X. Baztan y Urniza, episkopo de Aviedo 1904-1920, 83-jara. 1920 li forlasis sian oficon kaj fariĝis titola episkopo de Nilopolis.

*Italujo :* En Roma mortis 15 dec. Mgr. Alfred Edward Burke, el Kanado, 65-jara. Li fondis 1908 la « Catholic Church Extension Society of Canada » fariĝis 1915 apostola protonatoro, faciliĝis 1919 la revenon al Meksiko de la ekzilitaj episkopoj kaj la remalfermon de la preĝejoj fermitaj per la prezidanto Carranza.

*Usono :* 2 dec. mortis Mgr. James Davis, episkopo de Davenport, 75-jara.

## La VATIKANO

*En Paris* Mgr. Maglione, apostola nuncio, kaj ministro Briand subskribis du kontraktojn, en kiuj la Vatikano kaj la franca registaro interkonsentas pri la liturgiaj honoroj aplikeblaj al la reprezentantoj de Francujo en kapitulaciaj landoj (kie Francujo estas protektanto de la kristanoj) kaj en landoj, kie la kapitulacioj ĉesis. Dato de la kontraktoj : 4 dec. 1926.

*La novaj kardinaloj :* Mgr. Lorenzo Lauri, nuncio en Polujo, ricevis la kardinalan ĉapelon la 24 dec. kaj Mgr. Giuseppe Gamba, ĉefepiskopo de Torino (23 dec.).

*Papa parolado de la 20 dec. 1926 :* persekuto en Meksiko, « Action Française » en Francujo, la faŝismo en Italujo.

*Kontraŭ la « Action Française » :* Dekreto de la Sankta Oficejo (29 dec.) kondamnanta verkojn de Charles Maurras kaj la ĵurnalon « Action Française ».

## ANGLUJO

*La « Catholic Relief Bill »* estas akceptita de la du parlamentoj. La « House of Commons » voĉdonis ĝin la 3 decembro kaj la « House of Lords » la 14 decembro. Ĝi nuligas la malnovajn leĝajn ĉikanojn kontraŭ la katolikoj, kiuj datumas el la tempo de la grandaj persekutoj kaj estis formale validaj ĝis nun, kvankam oni en la lasta jarcento fakte neniam plu aplikis ilin.

## AMERIKO

*Katolika Paca Kongreso en Ameriko.* En Usono okazis speciala kunveno de la katolikaj viraj kaj virinaj unuiĝoj kun la programo : Kiel la katolikoj de Ameriko povas kunhelpi al la restarigo kaj konservo de vera paco inter la nacioj ? Ĉeestis precipe multaj gestudantoj.

*Katolikaj indianoj en Kanado.* En la 11 provincoj de Kanado vivas laŭ plej nova statistiko 105998 indianoj. El ili 43986 estas katolikaj. Katolikaj lernejoj : 127 kun 5219 infanoj. Nekatolikaj lernejoj : 199 kun 7339 gelernantoj. Misiistoj inter la indianoj estas precipe Oblatoj de la Senmakula Virgulino Mario kaj jesuitoj

## SVISUJO

La svisaj katolikoj perdis du el iliaj eminentaj gvidantoj : En Fribourg mortis la loan de januaro ŝtata konsilisto Georges PYTHON. Pli ol 40 jarojn li apartenis al la kantona registaro kaj gvidis la departementon de edukado kaj instruado. Lia plej granda verko estas la kreo de la internacia universitato katolika en Fribourg, pri kies frekventado la lasta n-ro de « K. M. » raportis. — Nur 54 jara mortis en San Remo (Italujo), kien li estis irinta por resaniĝi, eksnacia konsilanto August KURER, idealaj kaj plej ŝatata katolika politikulo kaj komitatano de la svisa katolika popolunuiĝo. Lasttempe li estis direktoro de la svisa hotelista societo kaj vicprezidanto de la internacia mezklasa unuiĝo.

## POLUJO

*Pri konstruo de l'Silezia Katedralo.* ! Lia episkopa moŝto Lisiecki, dua episkopo de pola Silezio, publikigis episkopan leteron, en kiu li instigas la kredantojn de l'dieceso silezia, fervore monhelpi al la konstruado de la katedralo en Katowice. Sileziaj gazetoj apelacias al grandanimeco de l'katolikaro de la nova diocezo, por ke ili volonte akcelu la iniciaton de silezia episkopo.

## AZIO

*Katolika ĉiutaga jurnalo en Shanghai* fondiĝis antaŭ kelkaj monatoj, gvidata de laikoj. Ĝi estas tute sendependa, sed ricevis la aprobon de la apostola delegato Constantini kaj de la apostola vikario de Nanking.

*La centro de la katolikismo en Persujo* estis antaŭ la milito la urbo Urmia. Tie estis du belaj lernejoj por kristanoj kaj mahometanoj, valora biblioteko, presejo, lernejo por knabinoj, hospitalo ktp. Jam ekzistis tie 10.000 kristanoj. Dum la milito turkaj-kurdaj bandoj disigis la katolikan komunumon kaj mortigis multajn kristanojn. 1923 lazarista patro provis denove kunigi la katolikojn kaj sukcesis kolekti denove 1200 paroĥanojn. Komenciĝis forta konvertiĝa movado inter la nestorianoj. Nun denove ekzistas 12 preĝejoj, pastra seminario kaj 29 lernejoj kun pli ol 400 infanoj.

## FRANCUJO

*Universitatuloj* transdonis al Poincaré 15 dec. 1926 peticion favore al la noviĉdomoj de la francaj Religiaj Kongregacioj instruantaj en Latina Ameriko.

*La francaj episkopoj* sendis komunan adreson al la episkopoj de Meksiko (14 dec.).

*La 5-a Semajno de la Verkistoj* katolikaj (« Semaine des Ecrivains ») okazis kun bona sukceso en Paris, 6-12 dec.

*Du rekonvertiĝoj de radikalaj malamikoj de la Eklezio :* La urbestro de Montauban Pouche kaj la ĉefsekretario de la radikala-socialista partio Bouffondeau mortis repaciĝinte kun la Eklezio.

# Nia movado

## Germanujo

*Esperanto-tago de IKA en Elberfeld.* La 3o januaro estis bela sukceso. En Elberfeld Esperanto-tago. Gesamideanoj venis el multaj regionoj de Okcidenta Germanujo, la poŝto alportis salutojn de amikoj de Koblenz ĝis Ratibor. En Elberfeld la kampo estis bone preparita, la 3o januaro definitive plugis ĝin, nun nova semado (t.e. kursoj !) povos komenciĝi. En la preĝejo de Sankta Suitbertus (ĝi estis tute plena) la diservo okazis. Kantoj kaj preĝoj nur en Esperanto, bela prediko de kaplano Wachowski : la kristana amo. Poste multaj komencantoj en nia lingvo miris : « Mi preskaŭ ĉion jam komprenis ». — Vesperkunveno en la Stadthalle (Urbhalo) : Ĉiuj seĝoj okupitaj. Multaj pastroj, profesoroj, geinstruistoj, apud ili la malnovaj kaj novaj pioniroj de la IKa-movado, la « eldonejestraro » de « Katolika Mondo », ankaŭ grandeta « delegitaro » de MOKA el multaj urboj. Multaj centoj da ĉeestintoj. Kaplano Wachowskj salutis. Muziko : solokantoj kaj violinsoloj. Propagandparolado de D-ro HINSENKAMP : laŭta, energia, konvinka, entuziasma. Poste parolado de nia franca samideano Prof. MUFFANG (Vidu ĝian resumon sur la unua paĝo. Red.) : malrapida, varmkora, bonege komprenebla, eĉ por kelkaj ne-Esperantistoj. Longa aplaŭdo. Je la fino ĉarma teatroludo (unua prezentado). « En kiu lingvo ? » vi demandos, « ĉu en germana aŭ Esperanto? » En ambaŭ lingvoj ! Kaj en franca, angla, japana, hispana, turka, pola...., en la lingvoj de la turo de Babel. Kaj Esperanto venkas, ĉar profesoro Babelius sendas al la ministro de publika instruo proponon enkonduki Esperanton en ĉiujn lernejojn ! Je la fino longa aplaŭdo kaj la himno !

Ano de la Elberfelda Ika-grupo estis la aŭtoro. Kiu volas sukcesigi propagandokunvenojn, mendu la manuskripton ĉe la administracio de KM. Kaj nun dankon, pluan sukceson, imiton.......

Sudano

*La « Katholikentag » en Dortmund* devos havi Esperanto-kunsidon, eble eĉ publikan propagando-kunvenon. La katolika grupo "Unueco„ en Breslaŭ jam sendis tiucelan proponon al la ĉefsekretariejo. Kiu havas proponojn, sendu ilin al la Eldonejo de K. M. !

## ĈIU KATOLIKO

devas kunlabori kaj helpi en disvastigado de la Dia Regno sur la tero ; ĉiu katoliko povas sukcese kunlabori, aliĝante kiel ***helpanto kaj helpantino al la SODALICIO DE S. PETRO KLAVER***. Jara kotizo 25 cendoj usonaj. ***Animaj profitoj :*** multenombraj indulgencoj kaj aliaj animutiloj, donitaj de la Sankta Apostola Seĝo al la anoj de tiu ĉi misia helpa unuiĝo ; ***anima komuneco*** kun ĉiuj ordenoj kaj societoj misiaj, kun kiuj la Sodalicio estas kunigita kaj partopreno je la sanktaj mesoj, komunioj kaj preĝoj de multnombraj misiistoj kaj monaĥinoj misiaj, subvenciitaj de la Sodalicio ; partopreno precipe je la preĝoj de la ***elaĉetitaj kaj baptitaj nigruloj kaj negraj sklavoj***.

Por enlistigi sin sufiĉas indiki la nomon kun adreso kaj transsendi la ***unuan kotizon al*** unu el jenaj adresoj.

**ADRESOJ DE FILIOJ KAJ KANCELARIOJ de la Klavera Sodalicio estas :**

| | |
|---|---|
| Sodalizio di S. P. Claver<br>ROMA (23)<br>via dell'Olmata, 16<br>— | Sodality of S.P. Claver<br>St. LOUIS, MO, Usono<br>Fullerston Building<br>Seventh and PineStreet |
| ZUG, str. de S. Oswaldo 15. | Svislando |
| SALZBURG. Dreifaltigkeitsgasse 19. | Austrujo |
| MUNCHEN, Gabelsbergerstr 5. | Germanujo |
| BRESLAU IX, Hirschstr. 33 | » |
| KOELN, Maria Ablassplatz 10a. | » |
| BERLIN O.27, Magazinstr. 1. | » |
| STRASBOURG, pl Broglie 9. | Elzaso-Lotaringio |
| WARZSAWA, Warecka 15 m. 7. | Polujo |
| KRAKOW, sw. Marka 25. | » |
| POZNAN, Szimanskiego 6. | » |





# K. M.

havas ĝis nun la jenajn Poŝtĉekkontojn:

| | |
|---|---|
| Bruxelles | 185.734 |
| Budapest | 59169 |
| Köln | 76.105 |
| Paris | 80.061 |
| Praha | 77396 |
| Roma | 1/2600 |
| Warszawa | 190.972 |
| Wien | 162.473 |

Oni pagas ekzemple al **Katolika Mondo**, Roma 1/2600 ktp

Legantoj en tiuj landoj, en kiuj K.M. ne jam havas propran konton, pagu per bankbiletoj aŭ poŝtmandatoj, sed nur al **Katolika Mondo, Elberfeld** (Germ.)





## RILATE AL ELEKTO PRI PROFESIO !

*Kiu amante Dion kaj la animojn volas kiel interna membro de la Sodalicio de Sankta Petro Klaver* dediĉi sian vivon al animsavado *de la kompatindaj negroj, ĉiutempe estos akceptata en la novicaj domoj de l' Sodalicio nome MARIO de l' BONA KONSILO en Roma kaj CLAVERIANUM en Salzburg (Aŭstrujo).*

*Precipe fraŭlinoj instruitaj kaj posedantaj fremdajn lingvojn tie trovos okazon por utiligi sciadon kaj talenton helpante la misiojn. Ankaŭ VIRGINOJ trapasinte nur unuagradan lernejon, povoscientaj la servistan laboradon sin enlistigu!*

*Detalojn pri la religia instituto kaj pri kondiĉoj de anigo por internaj membroj pritraktas specialaj prospektoj.*

*Deklaron por enlistigo kune kun atesto de kondukto, baptatesto, mallonga aŭtobiografio kaj fotografio oni sendu al la :*

**Ĉefa prezidantino de l'Sodalicio de S. Petro Klaver, sia grafina moŝto M. Falkenhayn, ROMA, (23), via dell' Olmata, 16.**

Presejo : Imp. F. Collins, Charleroi, Belgio.







